Jaro VII * N.° 77ª

Majo * 1910

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

Augusto Jimenez Loira

PINTOR LÓPEZ, 3 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos





CECILIA MARIN
Teziutlán
(Estados Unidos de Méjico).

## EN VINTRO

—Post unu l' alia
Ve! kiel nun falas neĝero
Kovrante la kampojn
Semante l' abundon en tero.

—Bonven' al la neĝo
Kiu bele riĉigas popolon!
Bonven' al la vintro
Nun sian farante la rolon!

—Sub neĝo, dormanta,
Pli freŝa eliros la greno.
Sub densa malĝojo
L' anim' iomete ĉagrena.

—Pli pura vekiĝos,
Rapide traflugos ĉielon,
Plej ĉarme puriĝos,
De nokto superos brilstelon.

Olot (Gerona). S. PUBILL, SKOLAPIULO.

★ ★ ★

# ŜAKFAKO

**Sub la redakcio de Novejarque (Anĝelo)**

## Notsistemo por niaj ŝakaj esprimoj

Unu el la taskoj por la estonta Ŝ. E. T. A. estas la redaktado de plena oficiala *Ŝakvortaro;* sed ĝis tiam ni uzos provizore la sekvantan. Cetere, ĉar nia laboro celas nur la faciligo pri internacia kompreno en tiu afero, ni kore kaj danke akceptos ĉiujn saĝajn rimarkojn al ni faritaj de niaj karegaj samcelanoj.

Jen la vortareto, signoj kaj mallongigoj:

## Notación para nuestras expresiones de Ajedrez

Una de las tareas de la futura Ŝ. E. T. A. es la redacción de un completo *Vocabulario de Ajedrez* oficial, pero hasta entonces, usaremos provisionalmente el siguiente. Por lo demás, como nuestro trabajo solo tiene por objeto facilitar la comprensión internacional en este asunto, cordial y agradecidamente aceptaremos todas las advertencias razonadas que se nos hagan por nuestros queridos compañeros.

He aquí el vocabulario, signos y abreviaturas:

ŜAKTABULO

*Simbola Notsistemo.*




Ekzemplo.—La *nigra ĉevalo* estas en: 5 D por la Blanko, kaj en 4 D por la Nigro.

Rimarko.—Kompreneble, oni povas diri Reĝa Ĉevalo (RĈ), aŭ Ĉevalo Reĝa (ĈR), k. t. p.

# NOMO DE LA ŜAKTABULAJ CELOJ LAŬ SIMBOLA NOTSISTEMO

## POR LA BLANKO

NIGRO

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 8 DT | 8 DĈ | 8 DK | 8 D | 8 R | 8 RK | 8 RĈ | 8 RT |
| 7 DT | 7 DĈ | 7 DK | 7 D | 7 R | 7 RK | 7 RĈ | 7 RT |
| 6 DT | 6 DĈ | 6 DK | 6 D | 6 R | 6 RK | 6 RĈ | 6 RT |
| 5 DT | 5 DĈ | 5 DK | 5 D | 5 R | 5 RK | 5 RĈ | 5 RT |
| 4 DT | 4 DĈ | 4 DK | 4 D | 4 R | 4 RK | 4 RĈ | 4 RT |
| 3 DT | 3 DĈ | 3 DK | 3 D | 3 R | 3 RK | 3 RĈ | 3 RT |
| 2 DT | 2 DĈ | 2 DK | 2 D | 2 R | 2 RK | 2 RĈ | 2 RT |
| 1 DT | 1 DĈ | 1 DK | 1 D | 1 R | 1 RK | 1 RĈ | 1 RT |

BLANKO

## POR LA NIGRO

NIGRO

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 DT | 1 DĈ | 1 DK | 1 D | 1 R | 1 RK | 1 RĈ | 1 RT |
| 2 DT | 2 DĈ | 2 DK | 2 D | 2 R | 2 RK | 2 RĈ | 2 RT |
| 3 DT | 3 DĈ | 3 DK | 3 D | 3 R | 3 RK | 3 RĈ | 3 RT |
| 4 DT | 4 DĈ | 4 DK | 4 D | 4 R | 4 RK | 4 RĈ | 4 RT |
| 5 DT | 5 DĈ | 5 DK | 5 D | 5 R | 5 RK | 5 RĈ | 5 RT |
| 6 DT | 6 DĈ | 6 DK | 6 D | 6 R | 6 RK | 6 RĈ | 6 RT |
| 7 DT | 7 DĈ | 7 DK | 7 D | 7 R | 7 RK | 7 RĈ | 7 RT |
| 8 DT | 8 DĈ | 8 DK | 8 D | 8 R | 8 RK | 8 RĈ | 8 RT |

BLANKO

*Algebra Notsistemo.*

| | a | b | c | d | e | f | g | h | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 8 | a 8 | b 8 | c 8 | d 8 | e 8 | f 8 | g 8 | h 8 | 8 |
| 7 | a 7 | b 7 | c 7 | d 7 | e 7 | f 7 | g 7 | h 7 | 7 |
| 6 | a 6 | b 6 | c 6 | d 6 | e 6 | f 6 | g 6 | h 6 | 6 |
| 5 | a 5 | b 5 | c 5 | d 5 | e 5 | f 5 | g 5 | h 5 | 5 |
| 4 | a 4 | b 4 | c 4 | d 4 | e 4 | f 4 | g 4 | h 4 | 4 |
| 3 | a 3 | b 3 | c 3 | d 3 | e 3 | f 3 | g 3 | h 3 | 3 |
| 2 | a 2 | b 2 | c 2 | d 2 | e 2 | f 2 | g 2 | h 2 | 2 |
| 1 | a 1 | b 1 | c 1 | d 1 | e 1 | f 1 | g 1 | h 1 | 1 |
| | a | b | c | d | e | f | g | h | |

Pecoj.

Reĝo (R).
Damo (D).
Turo (T).
Cevalo (C).
Kuriero (K).
Peono (P) (*).
— Iras al... (almovo de peco).
× Kaptas.
† Ŝako (Ŝ).
† † Duobla ŝako (Ŝ-Ŝ).
+ Ŝmato (Ŝm) (**).




---

(*) Pri tiu peco, jen tio, kion diras S-ro Jozefo Paluzie en sia verko «Sesdek Ŝakproblemoj»: «La aŭtoro ne akceptas la vorton *Soldato* proponitan de aliaj, ĉar krom tio, ke ĝi havas ŝajnon de participo, ĝi jam taŭgas por esprimi homon militantan. La vorto *Peono* tre internacia, povas esti utiligata en aliaj tabulaludoj kiel damludo, sieĝludo, k. t. p. Kial ne krei apartan vorton por signifi objekton tiel karakterizan en tiuj ludoj, kiel la Peono?»

(**) «Se oni rifuzas la vortom *mato*, *mati*, ĉar la unua estas uzita, por traduki la vortojn *matte* (fr.), *mat*

(*) Acerca de esta pieza, he aquí lo que dice el señor Paluzie en su obra «Sesdek Ŝakproblemoj» (Sesenta Problemas de Ajedrez): «El autor no acepta la voz *Soldato* propuesta de otros, porque aparte de que tiene apariencia de participio, ésta ya sirve para expresar hombre que milita. La voz *Peono* muy internacional, puede ser utilizada en otros juegos de tablero, como las damas, el asalto, etc. ¿Por qué no crear una voz especial para expresar un objeto tan característico en esos juegos, como el Peón?»

(**) «Si se rechazan las voces *mato*, *mati*, porque la primera está usada para traducir las voces *matte* (fr.),



| | |
|---|---|
| ! | La plej bona almovo. |
| ? | Dube bona almovo aŭ malbona. |
| ~ | Alia ajn almovo. |
| O-O | Reĝsalto (de RT). |
| O-O-O | » (de DT). |
| ▨ | Ĉelo (nigra aŭ blanka, laŭ koloro). |
| B | Blanko. |
| N | Nigro |

| | |
|---|---|
| ! | La mejor jugada. |
| ? | Jugada dudosa ó mala. |
| ~ | Otra jugada cualquiera. |
| O-O | Enroque (con TR). |
| O-O-O | » (con TD). |
| ▨ | Casilla (negra ó blanca, según el color). |
| B | Blancas. |
| N | Negras. |

**Ŝlosilo.**—(*Hispane.* Primera jugada ó clave (de la solución de un problema).—*Itale.* Prima mossa, chiave di matto.—*France.* Premier coup.—*Angle.* First move, key-move.—*Germane.* Anfangszug, Einleitungszug).

**Reĝsalto.**—(O-O) de RT. (O-O-O) de DT.—(*H.* Enroque.—*I.* Arrocamento.—*F.* Roque.—*A.* Casling.—*G.* Rochade).

**Varianto.**—(*H.* Variante.—*I.* Variante.—*F.* Variante.—*A.* Variation.—*G.* Variante).

**Minaco.**—(*H.* Amenaza.—*I.* Minaccia.—*F.* Menace.—*A.* Threat.—*G.* Drohung).

**Almovo.**—(*H.* Jugada.—*I.* Mossa, tratto.—*F.* Coup.—*A.* Move.—*G.* Zug).

**Promocio.**—(*H.* Promoción ó coronación de un Peón al llegar á la última fila.—*I.* Promozione ó trasformazione di un Pedone giunto alla ottava casa.—*F.* Trasformation d'un Pion arrivé á la huitiéme case.—*A.* Promotion, or queening á Pawn.—*G.* Umwandlung eines Bauern).

**Dualo.**—(*H.* Dual.—*I.* Doppia continuazione, doppia mossa.—*F.* Double coup.—*A.* Dual.—*G.* Doppelzug).

**Ŝmatiĝi.**—(*H.* Hacerse dar mate.—*I.* Farsi dar matto.—*F.* Se faire donner le mat.—*A.* To self-mate.—*G.* Sich selbst matsetzen).

*Ŝakludo*, *Ŝakfako*, *Ŝakproblemisto*, *Ŝakmajstro*, k. a. estas kompreneblaj.

Kaj aliajn vortojn, kiujn ni aldonos laŭbezone.

RIMARKO. Kompreneble, la plej multon el la cititaj vortaj tradukoj kaj klarigoj ne bezonas la esperantistaj ŝakludantoj, sed ni notis ilin, ĉar nia intenco, malferminte ĉi tiun fakon, estas ŝakludistigi kelkajn neŝakludemajn esperantistojn kaj esperantistigi kelkajn neesperantemajn ŝakludistojn.

Ĉu ni trafos tiun celon...?

OPINIOJ. Ni petas de la ŝakamantoj opinion pri la jenaj punktoj:

*Sakludo* (juego de ajedrez), *Ŝakfako* (sección de ajedrez), *Ŝakproblemisto* (compositor de problemas de ajedrez), *Ŝakmajstro* (maestro de ajedrez) y otras son comprensibles.

Y otras voces que añadiremos según la necesidad.

NOTA. Naturalmente, la mayoría de las traducciones de voces citadas y explicaciones, no las necesitan los ajedrecistas esperantistas, pero las anotamos, porque nuestra intención al abrir esta sección es hacer ajedrecistas algunos esperantistas y esperantizar algunos ajedrecistas.

¿Conseguiremos este fin?

OPINIONES. Rogamos de amantes del ajedrez opinión acerca de los siguientes puntos:

---

(angl.), *Matte* (germ.), k. t. p., la aŭtoro proponas antaŭmeti la literon *Ŝ*, tiel: *Ŝmato*, *Ŝmati*, kiuj estas mallongigoj de *Ŝakmato*, *Ŝakmati*. Neniel li povas akcepti la vorton *mortigi* anstataŭ *mati* pro tio, ke la unua elvokas ideojn funebrajn, kies enmiksiĝo, dum la animo ĝuas la ludan plezuron, ŝajnas iom malsaĝa kaj neĝusta».

Tion diras S ro Paluzie en sia nomita verko.

Tial ke ni konsentas pri la vorto *Ŝmato*, ni uzos ĝin de nun.

*mat* (ingl.), *Matte* (alem.), etc., el autor propone anteponer la letra *Ŝ*, así: *Ŝmato*, *Ŝmati*, las cuales son abreviaturas de *Ŝakmato*, *Ŝakmati*. De ningún modo puede aceptar la voz *mortigi* en vez de *mati*, porque la primera evoca ideas fúnebtes, cuya intrusión, mientras el alma goza el placer del juego, parece algo imprudente é injusta».

Esto dice el Sr. Paluzie en su nombrada obra.

Puesto que nosotros asentimos acerca de la voz *Ŝmato*, la usaremos desde ahora.

1. Kia notsistemo estas preferinda, la *Algebra* aŭ la *Simbola*?
2. Ĉu la signoj notitaj estas sufiĉe ĝustaj por esprimi ĝian sencon, aŭ ekzistas aliaj internacie pli taŭgaj?
3. Ĉu la ŝakvortareto estas klare internacie komprenebla?

1. ¿Qué notación es preferible, la *Algébrica* ó la *Simbólica ó descriptiva*?
2. ¿Los signos anotados son bastante justos para expresar su sentido, ó existen otros que aprovechen más internacionalmente?
3. ¿El pequeño vocabulario de ajedrez es comprensible con claridad internacional?

Bonvolu sendi al ni la respondojn poŝtkarte. Ni danke ricevos kaj kolektos ilin por juĝi; sed ni nur atentos pri la ŝaĝaj opinioj.

---

*Pliaj aliĝintoj al la Ŝakluda Esperanta Tutmonda Asocio (S. E. T. A.)*

(Ĝis la 15ª de Aprilo 1910)

S-ro J. B. Mello Souza, Rua da Quitanda, 48, 2.º andar.—Rio de Janeiro (Brazilujo).
» Conto Fernandez, Rua Rozo, 41.—Rio de Janeiro (Brazilujo).
» Hernani Mendes.—Rio de Janeiro (Brazilujo).
» Julio Cezar Mello Souza.—Rio de Janeiro (Brazilujo).
» G. Corssen, Coblenzerstrat, 5.—Bremen (Germanujo).
» Vicente Marzal Mustieles, Ribalta, 6.—Valencia (Hispanujo).



# Kroniko

Kun granda bedaŭro kaj esprimante al iliaj familioj nian kondolencon, ni sciigas pri la morto de sinjoroj:

† Profesoro I. Hermann Baas, famkonata verkisto de la Medicina historio, klera kunlaboranto de bonega gazeto *Voĉo de kuracistoj*, en Worms (Germanujo).

† W. B. Treadwell, advokato, fervora samideano en San Francisko (Usono).

† M. Burney, delegito de U. E. A. en Melbourne (Aŭstralio).

Kun kora ĉirkaŭpreno, kiu honoras nin, de sinjoro Codorniu, ni ricevis luksan broŝuron, kiun li sendas al ni kaj entenas la belegan paroladon, kiun li diris en la Zaragoza'a Kongreso antaŭ la «Hispana Asocio por Progresado de la Sciencoj». Lia temo estis: «Graveco de la al-

# Crónica

Con gran sentimiento y expresando á sus familias nuestro pésame, damos noticia del fallecimiento de los señores:

† Profesor I. Hermann Baas, famoso escritor de medicina histórica, é ilustrado colaborador de la magnífica revista *Voz de los médicos*, en Worms (Alemania).

† W. B. Treadwell, abogado, fervoroso samideano en San Francisco (Estados Unidos de América).

† M. Burney, delegado de U. E. A. en Melbourne (Australia).

Con cariñoso abrazo, que nos honra, del Sr. Codorniu, hemos recibido un lujoso folleto que nos ha enviado y contiene el hermoso discurso que pronunció en el Congreso de Barcelona ante la «Asociación Española para el Progreso de las Ciencias». Su tema fué: «Importancia de

preno de helpa internacia lingvo por la sciencia progreso» kaj li pruvis, ke portiu celo la taŭga lingvo estas la nia karega.

Ankaŭ ni ricevis de S-ro Ignacio Casas portreton de lia kvinjara fileto Ferdinando, vestante kostumon, kiun tiu beleta infano surportis ĉe lasta karnavalo por prezenti alegorie esperanton. Lia tuta vesto, eĉ la ĉapelo, estas farita el silka ŝtofo (atlaso) kiel jene: pantaloneto, veŝto, gantoj kaj kravato blankaj, kaj ĉapelo, frako kaj ŝtrumpoj verdkoloraj. La ŝuoj agrafitaj per ŝnuretoj ankaŭ silkaj kaj verdkoloraj. La ĉapelo altaforma estas cirkaŭita de blanka rubando kun verdaj steloj pentritaj; la kravato estas ornamita per pingla verdsteleto preskaŭ nevidebla, kaj sur la frako montriĝas, kvazaŭ ordeno, verdavelura stelo sur blanka kampo. Li kunportis flagon, same silkan enhavantan la jenan surskribaĵon pentritan per oraj literoj: «Esperanto, Lingvo Internacia».

Jen du niaj amikoj tiel amantaj de esperanto, ke ili ne preterlasas okazon ĝin propagandi; ambaŭ estas okupegataj sinjoroj, kiuj ripozas kaj sin amuzas iel batalante por triumfigi nian sanktan celon.

Sub la titolo «Tutmonda Amikaro de Publikoficistoj» (T. A. P.), estas fondita societo, kies celo estas:

Disvastigi la uzadon de la Zamenhofa lingvo inter la publikoficistoj.

Krei per tiu lingvo rilatojn inter ili, kies nomaro estos ĉiujare eldonata.

Eldoni artikolojn, sciigojn, k. t. p., pri la T. A. P.

Verki priadministracian vortareton.

Jarkotizo 396 Spesoj.

Por pli detalaj informoj, S-roj Ballesteros, Vitigudino (Salamanca); J. Bausells, Montseny, 67, Barcelona; T. Belenguer, San Esteban, 5, Teruel, kaj M. Doue, provizora sekretario, 5, St. Sivel, Paris.

Nova gazeto trimonata, organo de la Internacia propagandejo esperantista, ĵus

la adopción de un idioma auxiliar internacional para el progreso científico», y probó que para eso la lengua á propósito es la nuestra queridísima.

También hemos recibido de D. Ignacio Casas, un retrato de su hijito de cinco años Fernando, vistiendo el traje que aquel bonito niño llevó el último carnaval para representar alegóricamente el esperanto. Todo el vestido, incluso el sombrero, era de raso de seda, así: calzas, chaleco, guantes y corbata blancos y sombrero, frac y medias verdes. Los zapatos abrochados con cintas también de seda verde. El sombrero, de copa, con una cinta blanca con estrellas verdes pintadas, la corbata adornada por un alfiler con una estrella verde casi invisible y ostentaba en el frac, á guisa de condecoración, una estrella verde de terciopelo sobre fondo blanco. Llevaba una bandera también de seda, que contenía la siguiente inscripción con letras de oro: «Esperanto, Lengua Internacional».

He ahí dos amigos nuestros tan amantes del esperanto, que no pierden ocasión de propagarlo; ambos son señores ocupadísimos, que descansan y se divierten luchando de alguna manera por el triunfo de nuestro santo fin.

Con el título «Tutmonda Amikaro de Publikoficistoj» (T. A. P.), se ha fundado una sociedad que se propone:

Difundir el uso del idioma de Zamenhof entre los empleados de oficinas públicas.

Crear por dicho idioma relaciones entre ellos, cuya relación nominal será publicada cada año.

Editar artículos, noticias, etc., referentes á T. A. P.

Hacer un pequeño diccionario de administración.

Cotización anual 396 Spesos.

Para informes más detallados, los señores Ballesteros, Vitigudino (Salamanca); J. Bauselles, Montseny, 67, Barcelona; T. Belenguer, San Esteban, 5, Teruel, y M. Doue, secretario interino, 5, calle Sivel, París.

Nueva revista trimestral, órgano de la casa Internacional de propaganda espe-

aperis. Estas ĝia nomo *La Propagandisto* kaj celas konatigi la diversajn internaciajn propagandilojn de esperanto kaj precipe la fame konatajn Ŝlosilojn kaj Tutojn de S-ro Herbert F. Höveler (E. Ĉefeĉ). La unuaj jam estas tradukitaj je dekses lingvoj kaj «Tuto Esperanto» je sep. Ni deziras ke nia estimata kolego, kiu loĝas en **Anglujo**, 135, High Holborn, London, W. C. kaj kies jarabono kostas du-cent spesoj, trafu ĝian celon.

En tiu lando, kiel ankaŭ en **Irlando**, en **Skotlando** kaj en la ceteraj Britaj landoj, esperanto antaŭeniras pligrandiĝante, kiel neĝbulo sur neĝo rulanta.

Dum proksima Pentekosta Pasko ($15^{an}$ kaj $16^{an}$ de Majo) okazos en Wien'o (**Aŭstrujo**) la «Unua Tutaŭstria Internacia Esperanto-Tago».

La «Ligo de german-lingvaj austriaj grupoj esperantistaj» korege invitas ĉiujn gesamideanojn iri Wien'on.

Kun ĉeesto de ministroj kaj eminentaj militistoj, kapitano Eugel faris paroladon en militista kazino el Wien'o. La temo estis «Problemo de helpa lingvo internacia; Esperanto, kiel plej bona solvo».

En Samos'o (**Azia Turkujo**), estis esperantista balo kiun honoris kun ilia ĉeesto Lia Princa Moŝto Andre'o Kopasis kaj Lia edzino Ŝia Princino Moŝto Eleno, ambaŭ portantaj belegajn esperantajn insignojn. Ankaŭ ĉeestis S-roj Konsuloj el Italujo, Germanujo kaj Hispanujo... kaj ne plu diri pri graveco de Esperanto ĉe la historia insulo.

La esperantistoj el **Belgujo** invitas la tutmondajn samideanojn al la esperantista Kongreso, kiu okazos en Bruĝo la tagojn $15^{an}$ kaj $16^{an}$ el la proksima Majo.

La grupoj el tiu lando ne ĉesas laboradi.

Niaj karaj kolegoj el **Bohemujo** *Ĉasopis Ĉeskych Esperantistu* kaj *Ĉesky Esperantista*, raportas pri kursoj, festenoj, paroladoj, k. t. p, ĉe pli ol kvar-dek urboj, kio pruvas la progreson de esperanto en tiu lando.

rantista, acaba de aparecer. Es su nombre *La Propagandisto* y su fin dar á conocer los diversos instrumentos de propaganda del esperanto y principalmente las famosas Claves y Tutoj del Sr. Herbert F. Höveler (E. Ĉefeĉ). Traducidas las primeras á diez y seis idiomas y «Todo el Esperanto» á siete. Deseamos que nuestro estimado colega, que reside en **Inglaterra**, 135, High Holborn, London W. C. y cuyo abono anual cuesta doscientos spesos, logre su propósito.

En aquel país, como también en **Irlanda**, en **Escocia** y en los demás británicos, el esperanto avanza aumentando como bola de nieve, que sobre nieve rueda.

Durante la próxima Pascua de Pentecostés (15 y 16 de Mayo) se verificará en Viena (**Austria**), el «Primer día internacional de esperanto de todo Austria».

La «Liga de grupos esperantistas austriacos de lengua alemana», cariñosamente invitan á todos los samideanos de ambos sexos, á que vayan á Viena.

Con aistencia de ministros y eminentes militares, el capitán Eugel hizo un discurso en el casino militar de Viena. El tema fué: «Problema de lengua auxiliar internacional; el Esperanto, como mejor solución».

En Samos (**Turquía Asiática**), ha habido un baile esperantista que honraron con su presencia SS. AA. los Príncipes Andrés Kopasis y su esposa Elena, llevando ambos preciosas insignias esperantas. También estuvieron los señores Cónsules de Italia, Alemania y España... y nada hay más que decir de la importancia del Esperanto en la histórica isla.

Los esperantistas de **Bélgica** invitan á los samideanos de todo el mundo al Congreso esperantista que se verificará en Brujas los días 15 y 16 del próximo Mayo.

Los grupos de aquel país no cesan de trabajar.

Nuestros queridos colegas de **Bohemia** *Ĉasapis Ceskych Esperantista* y *Ĉesky Esperantista*, dan noticias de cursos, banquetes, discursos, etc., en más de cuarenta poblaciones, lo que demuestra el progreso del esperanto en aquel país.

«Centra Asocio Bohema Unio Esperantista» havis ĝentilecon, kiun ni dankegas, sendi al ni poŝtkarton kun vidaĵon el sia eleganta kaj gaja loĝejo, el tiuj, kiujn gi ĵus eldonis por propagando, kaj ĝi sciigas nin, ke:

La urbestraroj de Praha kaj de Plzen, al kiuj oni adresis petskribojn pri subvencio, respondis favore per leteroj asignantaj subvenciojn respektive po 100 kronoj. En la ĝenerala kunveno de tiu esperantista korporacio, oni elektis; prezidanton S-ron Prof. Dr. V. Rosicky; Vic., S-ro Inĝ. Sitko; Sekr., S-roj Ed. Kühnl kaj J. Pech; Kas., S-ro B. Davidek. Laŭ la raporto de la Komitato estis la spezo en jaro 1909[a] preskaŭ 10.000 kronoj (4.100 S. m.). La grupigitaj 50 kluboj reprezentas 1.600 esperantistojn bohemajn. Nove estis fonditaj societoj en Brno (Moravio), Radvanice (Silezio), Golĉuv-Jenikov, Usti nad Labem, Humpolec, Novy Bydzov kaj Louny, kiuj aliĝis al B. U E. Ekzamena komisio donis, ĉe sep kunsidoj, ateston al 21 ekzamenitoj. U. E. A. estas nun reprezentata en Praha de S-ro K. Prochazka. Estas preparita kaj baldaŭ aperos esperante gvidlibro tra la «Bohema paradizo», roka, pentrinda regiono, apud urbo Turnov en norda Bohemujo. La verketo enhavos 16 grandajn bildojn sur apartaj folioj. Oni traktas pri vizito de bulgaraj esperantistoj al Praha, okazonta post la Bulgara Kongreso, kaj tiam oni fiksos la precizan daton de la Bohema Kongreso, okazonta en la famkonata bierurbo Plzen'o.

En Petropolis'o (**Brazilujo**), okazas Tria Brazila Kongreso de Esperanto por kies sukceso multe klopodis niaj brazilaj samideanoj.

Laŭ nia kara kolego *La du Steloj* el **Ĉilujo**, la tieaj gesamideanoj multe amuziĝas. Ĝi raportas pri kantoj, muzikludoj, paroladoj, teatraĵaj kaj kinematografaĵaj prezentadoj, festenoj, ekskursoj... kaj kompreneble, ĉio tio esperantigas la landon, kaj ankoraŭ pli, ĉar la presaro tre bone komentarias tiujn faktojn.

La «Asociación Central Unión Esperantista Bohemia», ha tenido la atención, que le agradecemos muchísimo, de enviarnos una postal, con vista de su elegante y alegre domicilio, de las que acaba de editar para propaganda, y nos manifiesta que:

Los ayuntamientos de Praha y Plzen de los que se solicitaron subvenciones, contestaron favorablemente por escritos concediéndoles respectivamente 100 coronas. En la reunión general de aquella corporación esperantista, fueron elegidos: Presidente el Sr. Prof. Doc. V. Rosicky; Vic., Sr. Ing. Sitko; Secr., Sres. Ed. Kühul y J. Pech; Caj., Sr. B. Davidek. Según la manifestación del Comité, fué el gasto en el año 1909 casi de 10.000 coronas (4.100 S. m.). Los 50 clubs agrupados representan 1.600 esperantistas bohemios. Se han fundado nuevas sociedades en Brno (Moravia), Radvanice (Silesia), Golĉuv-Jenikov, Usti nad Labem, Humpolec, Novy Bydzov y Louny, que se han adherido á B. U. E. La comisión de exámenes ha dado en siete sesiones certificados á 21 examinados. U. E A. está representada ahora en Praha, por el Sr. K. Prochazka. Está compuesta y pronto aparecerá una guía en esperanto de «Bohema Paradizo», región pintoresca y rocosa, próxima á la ciudad de Turnov, al Norte de Bohemia. La obrita contendrá 16 grandes vistas en distintas hojas. Se trata de una visita de los esperantistas búlgaros á Praha para después del Congreso Búlgaro, y entonces se fijará la fecha del Congreso Bohemio, que se ha de verificar en Plzen, famosa ciudad de la cerveza.

En Petropolis (**Brasil**), se está verificando el Tercer Congreso de Esperanto, para cuyo éxito han dado muchos pasos nuestros samideanos brasileños.

Según nuestro querido colega *La du Steloj* de **Chile**, los samideanos de ambos sexos, de allí, se divierten mucho. Se refiere á cantos, música, discursos, representaciones de obras teatrales y cinematográficas, banquetes, excursiones... y naturalmente todo eso esperantiza al país, y todavía más, porque su prensa comentaría muy bien esos hechos.

Je la fino de la proksima Aŭgusta monato kaj dum tri tagoj, okazos esperantista Kongreso en Kopenhago (**Danujo**), organizita de «Centra Dana Esperantista Ligo». Kongreskarto, kiu rajtigas partopreni en ĉiuj Kongresaj festoj, kostos 3 Sm. 500.

Estas koninda la merita laboro, kiun faras en tiu lando S-ro Wulf por disvastigi nian karan lingvon inter tieaj blinduloj, tradukante puntskribe esperantistajn verkojn kaj li mem verkante aliajn.

En **Francujo**, dum la pasinta jaro, pliiĝis la grupoj ĝis cent, pli malpli. Tion, la laborojn de la Federacioj, la naskiĝo de «Franca Federacio de la Junaj Esperantistoj» kaj la movon de la katolikaj esperantistoj, tion montras nia pionirestro *Lingvo Internacia*, kiel ĉefaj laŭdindajn okazintaĵoj.

Kongreso de esperantistoj de la Norda Federacio okazos en Amiens'o la 5an el Junio kaj tiu de la Esperantista Rhodana Federacio en Sankta Etienne'o la tagojn 18an kaj 19an el la sama monato.

Nova esperanta gazeto *Esperanto et Croix-Rouge* aperis en Parizo la lastan Februaron. Ĝia titolo montras sian celon, kaj kiel ambaŭ simpatiaj aferoj estas sampatrine naskitaj, nun kune kaj frate faros bonan iradon. Kore, korege, ni salutas kaj deziras multan frukton, el ĝia propagando al nia kara kolego.

La muzikeldonisto S-ro Besnard, 26, rue Antoinette, el Parizo, eldonis belan kaj rekomendindan mazurkon de sinjoro Atanasov, titolitan «Koraj Sonoj». Ĝia prezo, 0'75 fr. Li havas aliajn bonajn muzikaĵojn. Petu de li katalogon.

Vic-Admiralo Bayle, granduniforme vestita, prezidis la disdonon de premioj de Pariza Grupo, kaj finante belegan paroladon li diris: «La propagando de esperanto estas bonfara kaj humana ago, por kiu Francujo devas alporti sian tutan kunhelpon, ĉar la historia rolo de nia kara patrujo estas fari sia ĉiun entreprenon, kiu estas bona, nobla kaj bela».

A fines del próximo mes de Agosto y durante tres días, tendrá lugar en Copenhague (**Dinamarca**), un Congreso esperantista que ha organizado «Centra Dana Esperantista Ligo». El billete de Congresista, que da derecho á tomar parte en todas las fiestas del Congreso, costará 3 Sm. 500.

Es digna de ser conocida la meritoria labor que hace en aquel país el Sr. Wulf por propagar nuestro querido idioma entre aquellos ciegos, traduciendo en escritura de puntos obras esperantistas y componiendo otras por sí mismo.

En **Francia**, durante el año pasado, aumentaron los grupos hasta cien, poco más ó menos. Eso, los trabajos de las federaciones, la aparición de «Federación Francesa de Jóvenes Esperantistas» y el movimiento de los esperantistas católicos, lo indica nuestro cabo de gastadores *Lingvo Internacia*, como principales elogiables sucesos.

El Congreso de esperantistas de la Federación del Norte, tendrá lugar en Amiens el 5 de Junio, y el de la Federación Esperantista del Ródano en los días 18 y 19 del mismo mes.

Nuevo periódico esperantista *Esperanto y Cruz Roja* ha aparecido en París en Febrero último. Su título indica su propósito, y como ambos simpáticos asuntos han nacido de la misma madre, ahora juntos y hermanados harán buena marcha. Cariñosa, cariñosísimamente saludamos, y deseamos mucho fruto de su propaganda, á nuestro querido colega.

El editor de música Sr. Besnard, 26, rue Antoinette, París, ha editado una bonita y recomendable mazurca, que se titula «Koraj Sonoj». Su precio 0'75 fr. Tiene otras buenas obras musicales. Pídasele catálogo.

El Vice-Almirante Bayle, de gran uniforme, presidió la distribución de premios del grupo de París y terminando un magnífico discurso dijo: «La propaganda del esperanto es obra benéfica y humana, á la que Francia debe aportar toda su cooperación, porque el papel histórico de nuestra querida patria es hacer suya toda empresa buena, noble y hermosa».

«Kongresaj Fako» estas kreita de «Esperantista Scienca Associo» laŭ propono de generalo Sebert Ĝia rolo estas traduki esperante la skribaĵojn ricevitajn je diversaj lingvoj kaj ilin publikigi, same kiel la kongresajn protokolojn, post la finiĝo de la Kongresoj.

«Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio» havos Kongreson en Augsburgo (**Germanujo**) la 6an de la proksima Aŭgusto.

La Ĉiujara Kunveno de la Esperantista Societo el **Ĝibraltaro** okazis ĉe La Borso merkrede, la 16an de Marto. La anoj aprobis la Raporton de 1909 kaj elektis komitaton por 1910. La Sekretario estis aŭtorizita organizi preliminaran ekzamenon por geknaboj, aĝo ĝis 16 jaroj, sub la aŭspicioj de la «Brita Esperantista Asocio». Krom la atesto de la Asocio, la 4 aŭ 5 plej sukcesaj ekzamenitoj ricevos premiojn donitajn de la Societo.

Ankaŭ ĉeestis la kunveno S-ro Pierre Gras, el Brest'o, Subleŭtenanto sur la franca krozŝipo «Fobin», tiam anklita en la haveno.

Nia kara kolego *Nederlanda Katoliko* rilatas pri laboroj de la katolikoj el **Holando**, kiuj ĉiutage pligrandigas la societon «Nederlanda Katolika Esperanta Ligo».

S-ino Marie Vivoschi, la famkonata rumana propagandistino rilatas danke pri la akcepto, kiun ŝi havis en Budapest'o (**Hungarujo**) de S-ro A. de Marich, de lia familio kaj de ceteraj tieaj gesamideanoj. Nedube per esperanto venis en la mondon novan gradigon de parenceco: la *samideaneco.*

*Kroata Esperantisto,* nia estimata kunulo el **Kroatajo** sciigas pri novaj grupoj, pri loko luita de «Kroata Esperantista Societo» por leĝejo, pri aranĝoj de koncertoj kaj dancadoj kaj pri aliaj laboroj, kiuj montras la agemecon de niaj karaj tieaj samcelanoj kaj la tiea antaŭeniradon de Esperanto.

La gazetaro el **Meksikujo** sin okupas favore al esperanto, kiu disvastiĝadas en tiu lando.

«La Asociación Científica Esperantista», á propuesta del general Sebert, ha creado una «Sección de Kongresos». Su fin es traducir al esperanto las comunicaciones recibidas en diversos idiomas y publicarlas, así como los protocolos de los congresos, después de la terminación de éstos.

«Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio», tendrá Congreso en Augsburgo (**Alemania**), el 6 de Agosto próximo.

La reunión anual de la Sociedad Esperantista de **Gibraltar**, se verificó en La Bolsa el 16 de Marzo. Los socios aprobaron la Memoria de 1909 y eligieron nueva Junta para 1910. El Secretario fué autorizado para organizar un examen preliminar para muchachos de ambos sexos, hasta 15 años, bajo los auspicios de «Brita Esperantista Asocio». Además del diploma de la Asociación, los 4 ó 5 examinados que logren mejor éxito, recibirán premios de la Sociedad.

Estuvo también en la reunión el señor Pedro Gras, de Brest, subteniente del acorazado francés «Fobin», anclado en el puerto.

Nuestro querido colega *Nederlanda Katolika,* relata trabajos de los católicos de **Holanda**, quienes cada día aumentan la Sociedad «Nederlanda Katolika Esperanta Ligo».

La Sra. María Vivoschi, la famosa propagandista rumana, se refiere con agradecimiento á la aceptación que tuvo en Budapest (**Hungría**) del Sr. A. Marich, de su familia y de todos los demás esperantistas de allí. Indudablemente por el esperanto ha venido al mundo un nuevo grado de parentesco: el de *samideano.*

*Kroata Esperantisto,* nuestro querido compañero de **Croacia,** da noticias de nuevos grupos, de local alquilado por «Kroata Esperantista Societo» para gabinete de lectura, de preparativos para conciertos y bailes y de otros trabajos que demuestran la actividad de nuestros queridos colegas en propósitos y la marcha avanzando del Esperanto allí.

La prensa de **Méjico** se ocupa favorablemente del esperanto, que se va esparciendo por aquel país.

La komizoj de Matehuala'o lernas esperanton, kiun al ili instruas S-ro Doktoro J. M. Barba.

Niaj samideanoj de urbo Meksiko, kiuj ĝis nun loĝis gaste, de nun havas propran humilan lokon pri kiu diras nia frato *Verda Stelo:*

«Tie, ĉio estas malriĉa: la ĉambro, la meblaro, la ornamo, la lumigado: Sed tie regas bonhumoro, entuziasmo kaj bonvolo».

Vere la plejbonaj ĉasistoj ne estas tiuj, kiuj kunportas la plej bonajn pafilojn.

*Pola Esperantisto*, nia kara kunbatalanto el **Polujo**, rilatas pri diversaj faktoj, kiuj evidentigas la progresadon de esperanto en tiu universale estimata lando. Inter ili estas sciiginda la frumatureco de kvinjara infaneto Janĉjo Rozanowicz, kiu bonege deklamis poeziaĵojn en vesperkunveno okazinta en Pietrkow'o.

*Rumana Esperantisto* kaj *Rumana Gazeto Esperantista*, esperantistaj gazetoj el **Rumanujo** montras per sciigoj pri festoj, kursoj, paroladoj... eĉ pri baptiĝadoj, okazintaj en Bukaresto kaj aliaj tieaj gravaj urboj, la triumfan iradon de esperanto tra tiu simpatia lando.

En la tuta **Usono** oni faras grandegan propagandon, antaŭan de la sesa Kongreso, kio esperigas ke ĝi estos grandioza.

Inter aliaj rimedoj por prepari favore publikan opinion, estas laŭdinda tiu de S-ro Arthur Baker la agema eldonisto de bonega gazeto *Amerika Esperantisto*, kiu faris propagandan ekskurson tra dudekkvar gravaj urboj.

La Sesa okazos definitive en Washington de la 14$^{a}$ ĝis la 20$^{a}$ de Aŭgusto.

La amerikanoj intencas fari la aferon per granda maniero.

La kongreskartoj oni povas aĉeti po kvin dolaroj (dek spesmiloj), kaj kiu ĝin prenu antaŭ la 1$^{an}$ Junio, tiu nur pagos kvar dolarojn.

Por ĝia aĉeto kaj por kiu ajn kongresa afero, sin turnu al S-ro Edwin C. Reed,

Los empleados de Matehuala estudian el esperanto, que les enseña el Sr. Doctor J. M. Barba.

Nuestros samideanos de la ciudad de Méjico, que hasta ahora han vivido de huéspedes, desde ahora tienen un modesto local propio, respecto al cual dice nuestro hermano *Verda Stelo*:

«Allí, todo es pobre; la habitación, el mobiliario, la decoración, las luces; pero allí reina buen humor, alegría y buena voluntad».

Verdaderamente, los mejores cazadores no son los que llevan consigo las mejores escopetas.

*Pola Esperantisto*, nuestro querido compañero de lucha de **Polonia**, se refiere á diversos hechos que evidencian el progreso del esperanto en aquel país, universalmente estimado. Entre ellos es digno de publicar la precocidad del niñito de cinco años Janito Rozanowicz, que declamó perfectamente unos versos en una reunión vespertina de Pietrków.

*Rumana Esperantisto* y *Rumana Gazeto Esperantista*, periódicos esperantistas de **Rumania**, demuestran con noticias de fiestas, cursos, discursos... hasta de bautizos habidos en Bucarest y otras importantes poblaciones, la marcha triunfal del esperanto á través de aquel simpático país.

En todo **Usona** se hace inmensa propaganda preliminar del sexto Congreso, lo que hace esperar que será grandioso.

Entre otros medios para preparar favorablemente la opinión pública, es digno de loa el del Sr. Arturo Baker, el activo editor de la magnífica revista *Amerika Esperantisto*, que hizo una excursión de propaganda á veinte y cuatro poblaciones importantes.

El sexto tendrá lugar definitivamente en Washington del 14 al 20 de Agosto.

Los americanos se proponen hacer el asunto en grande.

Los billetes de congresistas se pueden comprar por cinco dollars (diez spesmilos), y el que los tome antes del 1.º de Junio, solo pagará cuatro dollars.

Para su adquisición y para cualquier otro asunto relativo al Congreso, diríjan-

Sek. de la Sesa Kongreso de Esperanto, Washington, D. C. Unuigitoj Ŝtatoj de Ameriko, aŭ al la «Centra Oficejo Esperantista», 51, rue Clichy, Pariz'o.

Ordinare oni povas loĝi kaj manĝi en unua klaso Washington'a hotelo po kvar aŭ ses spesmiloj por unu tago, kaj oni ricevas bonajn loĝadon kaj mangadon po dekdu aŭ dek-ses spesmiloj por unu semajno.

La vojaĝo el Eŭropo ĝis Nov-York'o kostas en sufiĉe komforta dua klaso cent spesmilojn kaj de Nov-York'o ĝis Washington'on, unua klaso, dek spesmilojn, ordinare, kaj estos aranĝitaj fervojajn rabatojn por la kongresanoj.

»Universala Esperanta Societo», Genevo, Svislando prenis sur sin aranĝi ope la unuan vojaĝon. Sin turnu al ĝi la irontoj.

Nordamerikaj esperantistoj, portante esperantajn devizojn, akceptos en la alvenejoj de vaporŝipoj kaj fervojoj la fremdajn esperantistojn.

Oni aranĝas ekskursojn kaj vizitojn ĉe la vidindaĵoj de la urbo kaj ĝiaj ĉirkaŭaĵoj.

Poŝtkartoj kun Washingtonaj vidaĵoj kaj Kongresmarkoj jam estas pretaj, kaj oni povas ilin peti de la Sekretario. Ilia prezo estas: 500 spesoj po dek-kvin el la unuaj kaj 500 spesoj po cent markoj.

Literatura Konkurso okazos. Oni devas sendi la verkojn antaŭ la 1ª de Julio. Jen la ĝis nun konitaj premioj kaj temoj:

Medaloj de Organiza Komitato:

Por la plej bona prozaĵo (1.000-2.000 vortoj) pri la Universala Frateco.

Por la plej bona poezio (20-25 linioj) pri la Universala Frateco.

Por la plej bona rakonto, originala prozaĵo (2.500-3.000 vortoj).

Por la plej bona rakonto, originala prozaĵo (2.500-3.000 vortoj) verkita de junulo aŭ junulino (15ª 20ª jaraĝaj).

El nekonataj:

Libroj por blinduloj.

se al Sr. Edwin C. Reed, Secretario del Sexto Congreso de Esperanto, Washington, D. C. Estados Unidos de América, ó á la «Oficina Central Esperantista», 51, rue Clichy, París.

Ordinariamente se puede estar y comer en un hotel de 1.ª clase de Washington por cuatro ó seis spesmilos cada día y se tienen alojamiento y comida buenos por doce ó diez y seis spesmilos cada semana.

El viaje de Europa á New-York en segunda clase con suficiente comodidad, cuesta cien spesmilos, y de New-York á Washington, primera clase, diez spesmilos, ordinariamente, y se dispondrán rebajas de ferrocarriles para los congresistas.

«Universala Esperanta Societo», Ginebra, Suiza, se ha encargado de preparar colectivamente el primer viaje. Diríjanse á ella los que hayan de ir.

Esperantistas norteamericanos, que llevaran esperantas insignias, recibirán á la llegada de vapores y ferrocarriles á los esperantistas extranjeros.

Se preparan excursiones y visitas á donde haya cosas dignas de verse en la ciudad y sus alrededores.

Tarjetas postales con vistas de Washington y sellos del Congreso ya están hechos y se pueden pedir al Secretario. Sus precios son: 500 spesos, quince de las primeros y 500 spesos, cien sellos.

Habrá un Concurso Literario. Se deben enviar las obras antes del 1.º de Julio. He ahí los premios y temas conocidos hasta ahora:

Medallas del Comité de Organización:

Para la mejor obra en prosa (1.000 á 2.000 palabras) referentes á la Fraternidad Universal.

Para la mejor poesía (20 á 25 líneas), referente á la Fraternidad Universal.

Para el mejor cuento original en prosa (2.500 á 3.000 palabras).

Para el mejor cuento original en prosa (2.500 á 3.000 palabras), hecho por joven de uno ú otro sexo de 15 á 20 años de edad.

De desconocidos:

Libros para ciegos.

Por la plej bona verkaĵo pri la utileco de Esperanto por blinduloj.

Verkoj de D-ro Zamenhof speciale binditaj.

Por verkaĵo pri temo «La Simileco inter Zamenhof kaj Lincoln».

En Ĉikago funkciadas «Teozofia Ligo Esperantista» kaj estas opinio de gravaj spiritistoj esperantistoj, ke oni devas peni, ke la spiritistaj gazetoj estu esperante redaktitaj por celi la tutmondan spiritistan interligon.

Oni intencas la unuigon de ĉiuj Barcelonaj esperantistaj grupoj en nur unu, kies nomo estus «Barcelona Esperantista Societo».

La grupanoj de «Semo», faris esperantan ekskurson al Horta, kie ili estis bonege akceptitaj el ĉiuj, kaj speciale ĉe parko de S-ro Markizo de Alfarrás kaj bierfabriko «La Bohemia», vidindaj lokoj.

Ĉe la grupo «Kulturo», kunvenis kelkaj prezidantoj de Barcelonaj esperantistaj grupoj, por paroli pri organizo de esperanta societo por kultura amuzado.

S-ro Doktoro Bremon Masgrau faris bonegan paroladon ĉe la komercaj kaj industriaj komizoj, konigante al ili la taŭgecon scii esperanton por plibone plenumi ilian oficon. En tiu festo ili inaŭguraciis sian flagon.

En societo «Espero Kataluna» estas kursoj de la 10$^a$ ĝis la 11$^a$ vespere, kiujn klarigas la agema propagandisto sinjoro Carlos Urbez.

La grupo «Esperanta Frateco» el Pueblo Nuevo (Barcelona'o) inaŭguraciis esperantan ekspozicion kaj belajn festojn kiujn prezidadas nia kara amiko la katalunа apostolo S-ro Alfonso Sabadell.

Sinjoro profesoro Sidonio Pintado Arroyo el Bercero (Valladolid'o) faris ĉe «Societo de Instruistoj» de Tordesillas belan paroladon pri Esperanto, kiu vekis inter la ĉeestantoj dezirojn ĝin lerni. Li ankaŭ propagandas nian karan lingvon en tiu regiono per la lokaj ĵurnaloj kaj per aliaj rimedoj. Tre bone, karega ŝamideano!

Para la mejor obra respecto á la utilidad del Esperanto para los ciegos.

Obras del Dr. Zamenhof, especialmente encuadernadas.

Para obra referente al tema «Simil entre Zamenhof y Lincoln».

En Chicago funciona una «Liga Esperantista de Teología», y es opinión de importantes espiritistas esperantistas, que se debe procurar que los periódicos espiritistas estén redactados en esperanto para conseguir la unión espiritista en todo el mundo.

Se intenta la unión de todos los grupos esperantistas de Barcelona, en uno solo, cuyo nombre sería «Barcelona Esperantista Societo».

Los socios del grupo «Semo», hicieron una excursión esperanta á Horta, donde fueron de todos muy bien recibidos y especialmente en el parque del Sr. Marqués de Alfarrás y en la fábrica de cerveza «La Bohemia», lugares dignos de verse.

En el grupo «Kulturo», se reunieron algunos presidentes de grupos esperantistas de Barcelona para tratar de la organización de una sociedad esperantista dedicada á cultas distracciones.

El Sr. Dr. Bremón Masgrau, pronunció un buen discurso á los dependientes de industria y comercio, dándoles á conocer la conveniencia de saber el esperanto para desempeñar mejor su cometido. En aquella fiesta inauguraron su bandera.

En el grupo «Espero Kataluna», hay, desde las 10 hasta las 11 de la noche, cursos que explica el activo propagandista D. Carlos Urbez.

El grupo «Esperanta Frateco» de Pueblo Nuevo (Barcelona), ha inaugurado una exposición de esperanto y bellas fiestas que preside nuestro querido amigo el apostol catalán D. Alfonso Sabadell.

El señor profesor Sidonio Pintado Arroyo de Bercero (Valladolid), hizo en la «Sociedad de Maestros» de Tordesillas, un hermoso discurso referente al Esperanto, que despertó entre los presentes deseos de aprenderlo. También propaga nuestro querido idioma en aquella región por los periódicos locales y por otros medios. ¡Muy bien, queridísimo samideano!

S-ro García Martínez, Konsulo de Esperanto en Kartagena'o, sciante ke en La Union'o, Totana'o, Mazarron'o kaj aliaj urboj el tiu regiono estas geesperantistoj intencas starigi grupon en ĉiu el ili.

Nian bonvenon al nova hispana gazeto *Kataluna Esperantisto*, kies unua numero alvenis al ni. Ĝi estas oficiala organo de la «Kataluna Esperantista Federacio», senpaga por la gefederacianoj, lerte esperante skribita sur dek-ses paĝoj de luksa papero. Redakcio kaj administracio, strato Gracia, n.° 12ª, Sabadell (Barcelona).

Pri esperantista movado ĝi rilatas, ĉe Tarrasa'o, Vik'o, Reus'o, Olot'o, Balaguer'o kaj mem Sabadell'o.

S-ro Garzón Ruíz prenis sur sin la laboron rifuti en gazeto *Reflejos* el San Fernando (Kadizo) artikolon titolitan «La hispana lingvo, lingvo internacia» kiun publikigas alian tiean gazeton ĝin prenante de alia itala. Plie la bonegajn kialojn de nia kara amiko por montri la neeblecon de la afero, ni rimarkigas la naivecon de la propono.

Sinjoro Prezidanto de Valencia'a grupo skribis al ni, ke ĉiutage pligrandiĝas la nombro da ĝiaj grupanoj, ke tie estas tri kursoj por sinjoroj kaj unu de tre studemaj fraŭlinoj, ke oni decidis ke ĉiuĵaŭde oni faru esperantistajn kunvenojn de la kvina ĝis la oka vespere ĉe la grupejo, placo de la Princo Alfonso, n.° 12, kaj ke ĉi tiu viveco estas okazinta pro premio, kiun grupo atingis el la «Regiona Ekspozicio», tiu konsistis el diplomo kaj arĝenta medalo.

Nian varman gratulon al S-ro Aguilar, kiu tiom penis por enporti en la ekspozicion riprezentadon de la grupo, al sinjoro Novejarque, kiu tiel arte, kaj kun malmulte da mono, kaj malavare, direktis la starigon kaj laboris en ĝi, al liaj ankaŭ malavaraj helpantoj sinjoroj fratoj Anguiano kaj sinjoro Ferrando, kaj laste al niaj karaj gekungrupanojn pri kies agemeco oni diras al ni.

El Sr. García Martínez, Cónsul de Esperanto en Cartagena, con conocimiento de que en La Unión, Totana, Mazarrón y otras ciudades de aquella región hay esperantistas, se propone establecer grupos en cada una de ellas.

Nuestra bienvenida á la nueva revista española *Kataluna Esperantisto*, cuyo primer número nos ha llegado. Es órgano oficial de la «Federacion Esperantista Catalana», gratuíta para los confederados de ambos sexos, bien escrita en esperanto, en diez y seis páginas de lujoso papel. Redacción y administración, calle de Gracia, núm. 12, Sabadell (Barcelona).

Se refiere á movimiento esperantista en Tarrasa, Vich, Reus, Olot, Balaguer y el mismo Sabadell.

El Sr. Garzón Ruíz se ha tomado el trabajo de refutar en el periódico de San Fernando (Cádiz) *Reflejos*, un artículo titulado «El español, lengua internacional» que publica otro periódico de allí tomado de otro italiano. Sobre las muy buenas razones de nuestro querido amigo para demostrar la imposibilidad del asunto, nosotros hacemos notar la inocencia de la proposición.

El señor Presidente del grupo de Valencia nos escribe, que cada día aumenta el número de los socios, que hay tres cursos para señores y uno de señoritas muy estudiosas, que se ha decidido que todos los jueves se hagan reuniones por la tarde, desde las cinco hasta las ocho, en el local del grupo, plaza del Príncipe Alfonso, n.° 12, y que de esta animación ha sido causa el premio, que alcanzó el grupo de la «Exposición Regional» y que consistió en un diploma y medalla de plata.

Nuestro caluroso saludo al Sr. Aguilar, que tanto trabajó por llevar á la Exposición una representación del grupo, al Sr. Novejarque que tan artísticamente, y con poco dinero, y desinteresadamente, dirigió la instalación y trabajó en ella, á los auxiliares de él, también desinteresados señores, hermanos Auguiano y señor Ferrando y últimamente á nuestros queridos consocios, de cuya actividad se nos dice.

*S-ro Gregorio Garcia*, San Vicente, 6, Valencia (Hispanujo), akceptas ŝanĝon de poŝtmarkojn per poŝtmarkoj aŭ lauvole; mi ankaŭ sendos poŝtkartojn per poŝtmarkoj. Mi ĉiam respondos akurate kaj sendos per sama valoro ol sendo kiun mi ricevos (1).

*Moderna lernejo* por modernaj lingvoj, Frankfurt a M. Göthestr, 10, II, havante 20 gelernantojn por Esperanto (1 Japanon, 3 Rusojn, Anglon, Hungaron, Italon kaj Holandon) kolektas la adresojn de la komercistoj, korespondante en Esperanto, por komposti adresaron.

Ĝi ricevas plezurege trapasantajn gesamideanojn, metante al ilia dispono 300 esperantistajn librojn kaj pli ol 50 gazetoj. (2)



Sabadell'o (Hispanujo) *F-ino H. Figuerola*—Montserrat 20. Deziras interŝanĝi I. P. kaj L. kun ĉiuj geeksterlandanoj, esperante; ŝi ĉiam tuj respondos. (8)

*S-ro Gregoir Ribin*, studento, Consistorium Jaroslavl (Rusujo) deziras korespondadi poŝtkarte kun esperantist(o-ino).

*Komercistoj!* Interrilatu kun «Commercial Club». Skribu al S-ro Tom Richardson, Administranto, Portland, Oregon. Usono.

Bercero, Valladolid (Hispanlando), str. Antaŭurbo, 16. *F-lo S. P. Arroyo*, instruisto, deziras interŝanĝi postkartojn ilustritajn kaj poŝtmarkojn tutlandajn kun gesamideanoj; li ĉiam tuj respondos.

F-ino Asunción Pérez, Gran Vía de Cervantes, letra I, pral.
» María Pérez, Pelayo, 30, 2.°
» Aurora Yangüas, Gran Vía de Cervantes, letra, I, entr.°
» Soledad Yangüas, Pelayo, 29, 2 °
} Valencia (Hispanujo).

Deziras korespondadi poŝtkarte kun ĉiulandaj geesperantistoj. Ili ĉiam respondos akurate.

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11.—Valencia.